YU ISSN - 0352-1583

# TEMPO

2
1990.

ČASOPIS SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE
INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO



## REDAKCIANOJ, KUNLABORANTOJ KAJ KORESPONDANTOJ,

Kvankam ni planis la duan ĉijaran numeron de „Tempo" aperigi dumsomere, la materialoj alvenis kun ioma malfruo, kaj ne estis firma kaŭzo por produkti la numeron kiun vi legos nur aŭtune. Tial, la dua numero, kun ioma malfruo venas al vi, sed tamen la informoj estos plej novaj: pri okazintaĵoj de lasta monato, kaj pri planitaj programoj.

Por fari la numeron 3 kiel planite, ni bezonas viajn tekstojn ĝis fino de septembro, aŭ plej malfrue ĝis mezo de oktobro.

Sendu ilin kiel kutime al la ĉefredaktoro:

**Josip Pleadin, B. Markača 1,**
**43350 ĐURĐEVAC**
**tel. (043) 814-630**

Por plibonigi nian informadon, ekzistas kelkaj novaj ideoj, el kiuj esta pliofta aperigo de nia oficiala informilo „Tempo" (eventuale 6-8 numeroj jare), modesta premiado de kunlaborantoj. Pri la ideoj ĝis nun pensis nur la ĉefredaktoro, sed ili estos prezentitaj ankaŭ al la KEL-prezidantaro por pritrakto. Pri viaj ideoj, deziroj kaj bezonoj, skribu ĉu rekte al KEL, ĉu al la redaktoro. Nur tiel ni sukcesos fari utilan servon al nia Movado.

La redakcio


**TEMPO**

ZAGREB – 1990. 09. 01.
broj/numero 45
godina/jaro: XI
broj primjeraka/ekzempleroj: 1000

**osnivač i izdavač / fondinto kaj eldonisto**
Savez za esperanto Hrvatske
Kroatia Esperanto-Ligo

**članovi uredništva / redakcianoj:**
Marija BELOŠEVIĆ,
Višnja BRANKOVIĆ,
Vukašin DIMITRIJEVIĆ
Josip PLEADIN,
Radoslav ŠKALAMERA

**glavni i odgovorni urednik / ĉefredaktoro**
Josip PLEADIN

**grafičko uređenje / grafika aranĝo**
Josip Pleadin

**savjet glasila / konsilantaro**
Josip BRKANAC,
Milan KOČIŠ (predsj./prezidanto)
Irma KOVAČIĆ,
Ivo OSIBOV,
Ivica ŠPOLJAREC

**adresa redakcije / redakcia adreso:**
Savez za esperanto Hrvatske
(za „TEMPO")
Amruševa 5/I, 41000 ZAGREB
tel. (38) 041/424-660
žiro-račun: 30102-678-4863

**adresa urednika / adreso de la ĉefredaktoro**
Josip Pleadin, B. Markača 1,
43350 Đurđevac
tel. (043) 814-630

**izlazi tromjesečno**
**aperas 4-foje jare**

**cijena primjerka / prezo de unu ekzemplero**
8,00 dinara/dinaroj

**godišnja pretplata / jarabono**
30,00 dinara / dinaroj

**tisak / presis:**
Josip Pleadin – Đurđevac

**„TEMPO" primaju svi članovi Saveza za esperanto Hrvatske s uplaćenom članarinom za tekuću godinu.**

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvjetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 04. 1980. godine, časopis Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođen je poreza na promet proizvoda.



# DORSFLANKO DE LA SAMA VERO

En la junia numero de „Esperanto" aperis speciala artikolaro pri ŝanĝoj en Orienta Eŭropo, kiuj influis ankaŭ la Esperanto-movadojn. Unu el la artikolantoj estis ankaŭ Zlatko Tišljar, direktoro de IKS en Zagreb, kiu dum multaj jaroj estis unu el gvidaj personoj en la kroatia Esperanto-movado.

Kvankam s-ano Tišljar estas mia bona konato, mia estinta direktoro, kaj eĉ verkas por „Tempo", mi ne povas akcepti liajn starpunktojn. El mia propra vidpunkto, ne kiel oficialan opinion de Kroatia Esperanto-Ligo (KEL), ĉi-loke mi provos argumenti rilate la situacion en Kroatio.

Evidentaj estas meritoj de IKS kaj ĝiaj oficistoj en la evoluo de Esperanto-movado en Kroatio, sed neniu rajtas diri, ke nur IKS laboris por progreso, sen aldonaj eraroj. En la periodo inter 70-aj kaj 80-aj jaroj ja kreskis la movado. Daŭrigante la ideojn de Tibor Sekelj (Instituto por Oficialigo de Esperanto), formiĝis IKS, kiu tuj entreprenis gravajn aferojn. Formiĝis festivaloj (el kiuj PIF travivis tiom da jaroj), eldoniĝis literaturo, enkadre de KEJA (Kroatia Esperantista Junulara Asocio) okazadis kvalitaj seminarioj por aktivuloj (speciale bone organizataj de Judita Hudeček). Al ĉio, kompreneble, kontraŭstaris pli aĝaj generacioj de esperantistoj, kio estas tute natura, ĉar temis pri novaj ideoj. Profesia IKS-oficistaro kreskis konstante, iom post iom la movadan financadon certigis s-ro Šegota kaj Loterio de Kroatio, kaj tiam komenciĝis plej gravaj problemoj.

La kreskinta IKS mem ne havis sufiĉajn subvenciojn por normale vivi per Esperanto, kaj do necesis trovi konstantajn fontojn. Ĉar la opozicio en KEL iom post iom malfortiĝis (mortis la antaŭaj gvidantoj, per elekto de junaj, nesufiĉe informitaj novuloj, s-ano Tišljar faris en KEL sufiĉe fortan „partion", kiu subtenis liajn ideojn sen kritika pritrakto), kaj KEL kiel memstara asocio preskaŭ ĉesis ekzisti, dum granda parto de ĝia kapitalo estis uzita por projektoj de IKS. Kelkfoje eĉ ŝajnis ke nenio krom laboro de IKS ekzistas en Kroatio. Konstanta stumbloŝtono en rilatoj KEL-IKS estis ĉiujare renovigataj laborkontraktoj, kiuj estis multfoje ekstreme malutilaj por KEL, ĉar ne estis precize fiksitaj taskoj kaj prezoj, kaj la laboro estis neakurate plenumata.

Perdinte la memstarecon (malgraŭ protesto de pluraj kiuj jam tiam komprenis la okazintaĵojn), KEL ne plu povis zorgi pri bezonoj de sia membraro kaj lokaj societoj, dum IKS tion faris neregule, kaj pri ĉiuj malsukcesoj estis kulpigata ne IKS sed KEL. Tial ja estas kompreneble ke la societoj iom post iom pereis, la membraro forlasis la movadon, kaj do fine restis nur kelkaj obstinuloj. Kaj nun s-ano Tišljar protestas kontraŭ „verdismo" en la kroatia movado, kiu evidente savis la movadon, ĉar ĝi jam delonge ne havis ŝancon por normale ekzisti.

La artikolo de s-ano Tišljar venas nur kelkajn monatojn post definitiva ĉesigo de kontraktado inter KEL kaj IKS, kiam IKS preskaŭ komplete perdis financojn de KEL.

KEL-prezidantaro tamen decidis konservi la kontaktojn kun IKS, sed nur en tiuj sferoj, kiam ekzistos ambaŭflanka intereso. Por savi la movadon, necesos multe da tempo, laboro kaj mono, sed ĝuste la obstino de tiuj „damnaj" verduloj povas ĉion meti ĝustaloken.

Mi konsentas kun s-ano Tišljar, ke necesas sekvi procesojn okazantajn en la socio. Mi konsentas ke eblas uzi Esperanton kiel varon kaj surmerkatigi ĝin. Sed s-ano Tišljar forgesas ke malgraŭ pluraj pozitivaj aferoj, ankaŭ li grave malantaŭenigis nian movadon, ĉar ne nur profito devas esti la celo. Se ni startos kun Esperanto en libera merkato, ne plu eblos fari kontraktojn sen ambaŭflanka utilo, ne plu eblos ekspluati la movadon, kaj vendi „nebulon" al esperantistoj. Kaj la hodiaŭa IKS ja multe deflankiĝas de poresperantaj ideoj. Savas ilin nur kelkaj IKS-anoj kiuj tamen restas ĝuste verduloj. La ideoj pri surmerkatigo devus ebligi ke pri Esperanto oni okupiĝu profesie, sed kiam ni havos sufiĉe vastan merkaton kiu bezonos varon kiel Esperanto?

Kaj fine, mi scias, ke ĉi tiu artikolo estos ioma surprizo por s-ano Tišljar, ĉar longtempe ni kunlaboras fruktodone. Sed jam multe pli frue mi ne konsentis kun lia starpunkto pri mezkapabluloj. Ĉiu homo valoras, kiel ajn li/ŝi estas „mezkapabla". Ja multfoje okazis ke ĝuste mezkapabluloj multege laboris, kaj la laŭrojn forportis pigruloj kaj egoistoj.

Ni devas permesi al ĉiu laborpreta samideano montri la kapablojn, certigi al li progreson kaj akiron de novaj scioj kaj kapabloj. Neniu rajtas kulpigi multjaran prezidanton de iu societo pro longa mandato, se anstataŭanto konvena ne ekzistas, neniu rajtas malgravigi la rolon de ĉiu unuopulo, kiu oferas sian laboron al Esperanto-movado, senpage, pene kaj konstante. Tiaj ideoj estas krimo kontraŭ la Zamenhofa idealo. Vole-nevole ni devas konfesi, ke la societa laboro dependas ĝuste de laboremaj unuopuloj. Kie ili mankas, la laboro ĉesas. Se ĉiuj forlasus la movadon, kion surmerkatigos s-ano Tišljar, kaj al kiu li vendos tian varon?

Kiel KEL-prezidantarano mi batalos por valorigi ĉies laboron, eĉ laboron de tiuj „mezkapabluloj", kies starpunktoj ne plaĉas al mi.

Josip Pleadin, la ĉefredaktoro




## 2-a ALP-ADRIA ESPERANTO-KONFERENCO

KÖSZEG (HUNGARIO)
6-a – 9-a de septembro 1990

La urbo Köszeg troviĝas en la okcidenta parto de Hungario, kaj ĉi-jare inter la 6-a kaj 9-a de septembro ĝi gastigis la 2-an Alp-Adrian Esperanto-Konferencon, kiu daŭrigas la ideojn de iamaj Trilandaj Esperanto-Konferencoj.

Lastatempe fortiĝanta kunlaboro de Alp-Adriaj regionoj, nature instigis ankaŭ la esperantistojn pliaktiviĝi. Laŭ informo de la organizanto, alvenis ĉirkaŭ 180 aliĝiloj, sed nombro de partoprenantoj certe ne atingis tiun de la aliĝiloj. Laŭ libera konstato partoprenis la konferencon inter 120 kaj 150 personoj. Krom grupoj kaj unuopuloj el regionoj-membroj (Aŭstrio, Italio, Jugoslavio, Germanio kaj Hungario), partoprenis observantoj ankaŭ el Ĉeĥoslovakio kaj Bulgario.

Kiel konferencejo servis la hotelo „Park", situanta en randa eksterurba kvartalo.

La 6-an okazis la unua kunsido de Alp-adria komitato, kaj la dua sekvatage.

La 7-an antaŭtagmeze okazis konatiĝo kun bone konservita malnova urbo kaj posttagmeze en la Urbodomo estis organizita Gazetara konferenco, kaj akcepto ĉe la urbestro. Samtage okazis festkunveno, filmprojekciado pri la departemento Vaŝ kaj interkona vespero.

Interesaĵo el religia vidpunkto estis okazigo de ekumena diservo la 8-an kaj certe plej amase vizitita estis Ĝeneralkunveno, kiun sekvis sekcikunsidoj de fervojistoj, junularo ...

Por ekskursantoj organiziĝis aŭtobusaj ekskursoj al Szombathely kaj Ják (la 8-an) kaj al Velem (la 9-an, tradicia vilaĝo) kun surgrimpo al pinto Irotkő por la plej kuraĝaj.

Kulture plej grava estis kultura vespero la 8-an, okazinta en la teatra salono de urba fortikaĵo.

En la kunsidoj de Alp-adria komitato estis resumita ĝisnuna laboro, kaj ellaborita plano por agadi en 1991:

– aprilo, majo – 14-taga arangô ESENCIL (por pliaĝuloj),

– julio: Alp-adria junulara aranĝo en Pula (ERAAROJ),

– aŭgusto, septembro: 24-a PIF (Zagreb, Graz, eventuale Triesto),

– septembro: 3-a Konferenco (Zagreb elektita kiel urbo-gastiganto),

– decembro: Festivalo de monodramoj kaj libroproklamo en Gorizio/ Nova Gorica,

– aperigo de 4 n-roj de AA-bulteno (Zagreb, Triesto, Graz, Györ).

Al slovakaj esperantistoj estas donita statuso de regiono-observanto, kaj je iniciato de sloveniaj esperantistoj estas farita deklaracio de la konferenco.

J. P.

# ERA–AROJ

## PRI LA 2-a RENKONTIĜO DE ALP-ADRIA REGIONO POR JUNULARO (ERA-AROJ)

En malgranda istria urbeto Fažana de la 11-a ĝis la 17-a de julio 1990 okazis la 2-a Esperanto-Renkontiĝo de Alp-Adria Regiono por Junularo (ERA-AROJ). La renkontiĝon partoprenis kvindeko da junuloj el Italio, Germanio, Nederlando, Hungario kaj Jugoslavio (Slovenio kaj Kroatio).

La temo de la 2-a ERA-AROJ estis ekologia kaj ĝi estis traktata per prelegoj, dum lumbildprojekcioj, dum ekskursoj (al interno de Istrio kaj al insularo Brioni) ktp.

Krome estis okazigitaj kursoj por komencantoj (gvidis ĝin Vesna Hitrec), konversacia kurso (gvidata de Ankica Jagnjić) kaj kurso pri la kroata (kiun gvidis Ljiljana Pranjić).

La renkontiĝo estis feria kaj organizantoj atentis ne tro multe cerbumigi partoprenantojn. Kvindek paŝojn proksima plaĝo malallogis de prelegoj kaj kursoj kaj fine ĉiuj prelegoj kaj kursoj devis okazadi marborde en ombro.

Kulmino de la renkontiĝo estis Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA okazintaj la 15-an. Organizantoj de ERA-AROJ intencas ke ili fariĝu tradiciaj dum estontaj renkontiĝoj.

Dum ERA-AROJ okazis ankaŭ daŭrigo de la kunsido komenciĝinta dum la IJF en Breguzzo (Italio) — kunsido de junularo el A-A regiono. Oni priparolis okazontan seminarion por esperantistoj-studentoj el la regiono kaj estis proponitaj temo, dato kaj skizo de programo por la seminario.

Kaj kie kaj kiam okazos la 3-a ERA-AROJ? Abundis proponoj, variis opinioj. Oni ne miru se en la aliĝilo kiel loko estos indikita simple — Adriatiko. Eble la tria renkontiĝo okazos surŝipe.

Ljiljana Pranjić

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

## Internaciaj ekzamenoj

Kulmino de la 2-a Esperanto-Renkontiĝo de Alp-Adria Regiono por Junularo estis okazigo de Internaciaj Ekazmenoj de ILEI/UEA. La ekzamenoj okazis la 15-an. Ekzameniĝis ok personoj – en la meza Allesandro Perna, Sven Walper kaj Ankica Jagnjić kaj en la elementa Neven Pufnik, Paola Migrelli, Tihomir Eseš, Vesna Hitrec kaj Sera Genovese. Ĉiuj kandidatoj sukcese faris la ekzamenojn. En la komisiono troviĝis s-ino Smideliusz el Hungario kaj s-roj Borovečki kaj Šimunić el Kroatio. Ĉiuj membroj de la komisiono estis rajtigitaj de la Internacia Ekzamena Komisiono. Pasintjare dum la IJK en Kerkrade je meza nivelo ekzameniĝis ankaŭ du kroatoj – Zdravko Seleš kaj Ljiljana Pranjić. Tiel nun en Kroatio internaciajn atestilojn/diplomojn de ILEI/UEA havas ses personoj.

Eniro de internaciaj ekzamenoj en Kroation certe helpos en alfrontado de iom ĥaosa situacio en la kampo de E-instruado (ekz. per plialtigo de malaltiĝintaj ekzamenkriterioj.).

Okazigo de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA estas la unua okazigo en orienta Eŭropo. La organizantoj de ERA-AROJ intencas ke ili fariĝu tradiciaj dum estontaj renkontiĝoj.

Ljiljana Pranjić



## KORESPONDI DEZIRAS

Tanja Baškirova, Ciolovski, 16-76, Šostka, Šumska 245110, Ukrainio, SSSR – 23-jara junulino deziras korespondi kun jugoslavaj geamikoj. Ŝi interesiĝas pri literaturo, turismo, muziko kaj folkloro.

Barbara Kamińska, Ul. Bah. Warszawy 16, PL-17-200 Hajnówka, Pollando – 20-jara fraŭlino, interesiĝas pri turismo, geografio kaj muziko. Ludas gitaron kaj kantas. Deziras trovi jugoslaviajn leteramikojn.

Pekim Vaz, Caixa Postal 3250, BR-69001 Manaus-AM, Brazilo – deziras korespondi kaj interŝanĝi Esperantajn librojn kaj kazedojn pri folklora kaj tradicia muziko.

## 15-a ATLETIKA ĈAMPIONECO DE EŬROPO
## S P L I T 1990



# ESPERANTO – PONTO POR PROKSIMIGI LA SPORTISTOJN

Prezidanto de Respubliko Kroatio, d-ro Franjo Tuđman, la 27-an de aŭgusto ĉi-jare salutis la partoprenantojn de la 15-a AĈE kaj malfermis ĝin. Antun Vrdoljak, prezidanto de la Organiza komitato diris: „Split longe restu en nia memoro", kaj Carl-Olaf Homen, prezidanto de Eŭropa Atletika Federacio: „Kun granda senpacienco mi pasigis ĉi-ses tagojn. Estis grandioze kaj neforgeseble..."

La ĉi-jara 15-a AĈE okazis en Split, kun partopreno de pli ol 45.000 spektantoj kaj estimataj gastoj. Ĝuste tial, kiel diras multaj, ĝi estis la plej granda sportkunveno ĉi-jare en Eŭropo, kaj ĉi-similajn komentojn diskonigis ankaŭ multnombraj radio- kaj TV-stacioj kaj la gazetaro, ĉar la Ĉampionecon observis pli ol 1000 ĵurnalistoj, inter kiuj 85 radio- kaj TV-komentantoj.

Tute certe ankaŭ ĉi tiu Ĉampioneco restos en neforgesebla memoro al multaj pro atingitaj rezultoj, ĉu al gajnintoj de ora, arĝenta aŭ bronza medaloj, ĉu al tiuj kiujn la fortuno ne servis, sed certe ne sufiĉus eĉ deko da tajpitaj paĝoj por ĉion priskribi. Tial por niaj legantoj ni prefere elektis la priskribon de atmosfero rilate kompreniĝon kaj komunikadon.

Ĉar la „Informilo" en la Pres-Centro aperadis ĉiumatene, sur ĝiaj paĝoj estis publikigataj tekstoj-rezultoj el la antaŭa vespero kaj informoj por kuranta tago en la kroata kaj angla lingvoj. En la numero 6, je malfermotago, kompreneble en la plej oportuna tempo, en „Informilo" al la partoprenintoj estis esprimita bonveno kaj bonfarto dum restado en Split, flanke de la splitaj esperantistoj, kaj al la sportistoj estis rekomendite lerni la Internacian Lingvon Esperanto. La teksto aperis en la kroata, angla kaj Esperanto.

Dum daŭro de AĈE, rekte aŭ nerekte, pri ĝi okupiĝis ses splitaj esperantistoj: Leo Bočina, Đurđica Dumešić, Anđelko Drnasin, Ivanka Galešić-Crnogorac, Davor Grgat kaj Ceca Stojanac.

Verŝajne ĉi tiu noto estus „seka" kvankam ekipita per konkretaj faktoj, kaj mi provis riĉigi nian kunlaboron. En la Pres-Centron (kie mi laboris) mi invitis s-ron DANE KORICA, federacian kapitanon de atletika teamo de Jugoslavio, kiu interalie diris: „ ... Komunikada certe estas unu el gravaj problemoj de la nuntempa mondo, precipe inter sportistoj. Kvankam unuopuloj kiel-tiel povas interkompreniĝi en la angla, germana, franca, itala ... tamen tio ne faciligas senĝenan komunikadon."

– Kiel estus se vi kiel sportistoj, kaj ĉi-momente mi ne pensas nur pri niaj, jugoslaviaj sportistoj, sed ankaŭ pri la mondaj, parolus samlingve? Kaj tia lingvo jam ekzistas!

„Jes. Vi tute pravas, kaj via demando instigos min pli profunde pensi kaj interesiĝi. Tio estus perfekta afero. Kompreneble ke estus utile se ni ĉiuj parolus Esperanton, kaj tiamaniere se ĉiuj sportistoj, senkonsidere el kiu lando aŭ kontinento, senkonsidere ĉu tiu sportisto-homo estas blanka, nigra aŭ flava, fariĝus fratoj. Mi scias ke Esperanto havas adeptojn en la mondo kaj unuopaj fakoj, sed en sporto, mi pensas – malmulte. La sportistojn ligas sporto kaj iliaj rezultoj, sed mi pensas ke Esperanto al ili estus netakseble grava por pli bonaj rezultoj", mesaĝis krome, por niaj legantoj Dane Korica, federacia kapitano de atletika teamo de Jugoslavio, aldoninte fine de nia longa intervjuo, ke li diskonigos ideojn de la Internacia Lingvo inter sportistoj.

*Davor Grgat*

## JARKUNVENO EN OSIJEK

La 16-an de majo okazis jarkunveno de Esperanto-societo ,,Liberiga Stelo" en Osijek. Jen mallongaj konkludoj.

Ĉar la ĝisnuna prezidanto Antun Šimunić sendis skriban eksiĝon, por nova prezidanto estis elektita Višnja Branković. La jarkunveno decidis ke la prezidantaro konsistu el 9 membroj anstataŭ ĝisnunaj 7. La sekretario restis Aleksandar Kocian, la kasisto Petar Pazaver, kaj la aliaj membroj estas Damir Černić, Danijela Poropat, Marija Vukelić, Ljerka Helajz, Marijan Kekez kaj unu membro de la ĝisnuna KOSE (Klubo de osijekaj studentoj espetantistoj), kiu ĉesis ekzisti per decido de la jarkunveno. La ĝisnunaj membroj de KOSE fariĝis membroj de ,,Liberiga Stelo".

Mandato de la prezidanto kaj sekretario estas plilongigita al du jaroj, kun ebla reelekto. Estis fiksita ankaŭ laborplano por kuranta jaro:

1. readapti la societejon en Frankopanska 53 kiel eble plej frue,
2. realigi ekspres-kursojn
3. kunlabori kun aliaj societoj
4. gvidi kursojn ankaŭ ekster Osijek
5. engaĝiĝi en turismo kiel turismaj gvidantoj
6. ordigi la bibliotekon
7. enkasigi la kotizojn de la membraro.

*Aleksandar Kocian*

## SEKVONTA KUNSIDO DE KEL-PREZIDANTARO

*SABATON, LA 29-an DE SEPTEMBRO 1990,*
*JE LA 10,00 HORO*
*OKAZOS KUNSIDO DE KEL-PREZIDANTARO EN ZAGREB,*
*AMRUŠEVA 5/I.*

*Pritraktotaj temoj pri estonta laboro, kiuj devus grave ŝanĝi la ĝisnunan laboron de KEL. Ĉiuj prezidantaranoj kaj aliaj aktivuloj estas invitataj partopreni.*

*Kroatia Esperanto-Ligo*




## „EKLAMPSIO EN REMIZO"

David Albahari (1948) okupas signifoplenan lokon en la moderna serba literaturo. Pere de la traduko de Zlatoje Martinov el Pančevo, lia verko „Eklampsio en remizo" (Fras u šupi) eldoniĝis ĉe Serbia Esperanto-Ligo, kaj estas je dispono al ŝatantoj en Esperanta-versio. La libreto estas 64-paĝa, A-5-formata. En Kroatio distribuas ĝin Esperanto-klubo „Koko" (prezo: 30.- din/ekzemplero), B. Markača 1, 43350 Đurđevac. La mendojn faru al supra adreso, kaj la pagojn al ĝir-konto: 31210-678-14536.

## ZAGREBA METODO TRADUKITA EN LA RUMANAN

Jam fama Zagreba Metodo de Esperanto-instruado atendas sian aperon en la rumana. Konsente kun IKS en Zagreb, Esperanto-klubo „Koko" el Đurđevac entreprenis kunlaboron kun esperantistoj el Braŝovo (Rumanio), kiuj sub gvido de Ion Sîrbu adaptis la lernolibron por rumanaj uzantoj. Apero de la rumana versio estas planita por printempo 1991. Ĝi estos presita en Jugoslavio kaj disponigita al renovigitaj rumanaj E-societoj kiel helpo de niaj esperantistoj.

## ETLIBRA PLU MARŜAS

Certe vi jam aŭdis pri eldona agado de Zagreba Esperanto-Ligo. Temas pri jam kvar jarojn aperanta „ZELano" kaj preskaŭ unu jaron aperanta „Etlibra biblioteko". Ĝis nun en la biblioteko aperis tri jenaj verkoj: „Lanĉo" de Emilija Lapenna (promociita dum la Balkanlanda E-Konferenco en Ohrid), „1954-1989 — Fervojista Esperanto-Societo",




„El zagreba koro" (kantokolekto eoldonita okaze de la vizito al Bologna), „Jubilea versgirlando" (poemkolekto de zagrebaj esperantistoj okaze de la jubileo de „Bude Borjan") kaj „Štupoj/Kiel kien" (versoj de makedonaj poetinoj Vera Čornij kaj Nevenka Tomić, originale verkitaj en Esperanto).

Por eldono estas prespretaj ankoraŭ du verkoj: poemoj de Dragutin Domjanić tradukitaj de Zvonko Rehorić, kaj originalaj poemoj de Marko Petrović. La libroj aperos

ĝis la jarfino.

Ĉiuj libretoj estas mendeblaj ĉe ZEL„ Amruševa 5/I, Zagreb.

*M. Belošević*

## NOVA LIBRO DE SPOMENKA ŠTIMEC

Ankaŭ ĉi-numere ni koncize prezentas novan libron de Spomenka Štimec. Temas pri „Vojo al disiĝo", eldonita de Hungara Esperanto-Asocio. La libro jam estas je dispono de anoj de la zagrebaj societoj en biblioteko „Bude Borjan"", kaj aŭtune ĝi verŝajne aĉeteblos ĉe ZEL.

*M. Belošević*



## „INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO" DENOVE EN JUGOSLAVIO

Laŭ interkonsento inter Zagreba Esperanto-Ligo kaj Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj„ interesuloj povas membriĝi al la Ligo pere de ZEL. Ĉiu membro regule ricevas revuon „Internacia pedagogia revuo". Se vi estas profesia instruisto, instruisto de Esperanto aŭ eĉ simpla esperantisto kaj havas intereson pri E-pedagogio aŭ pedagogio en Esperanto, bonvolu turni vin al ZEL. Por la jaro 1990 la kotizo estas 80,00 dinarojn, pagebla al ĝiro-konto de Zagreba Esperanto-Ligo, 30105-678-68653.

Laŭ skriba peto ni sendas pliajn informojn (ZEL, Amruševa 5/I, Zagre).

*M. Belošević*

## ZAGREBA ESPERANTO-SOMERO

Se vi hazarde estis en Zagreb dum someraj tagoj (labortage), surprize, certe la pordo de Amruševa ne estis ŝlosita inter 16-a kaj 20-a horoj.

Temis pri la unua provo de Zagreba Esperanto-Ligo organizi deĵoradon ĉiun posttagmezon.

Ĝi estis parto de „Zagreba Esperanto-Somero", kiu komenciĝis la 9-an de julio per prezentado de la programo preparita por la ĉi-jaraj UK kaj IJK („Amo en proverboj" de Arthur Azevedo kaj recitalo de Gullien Nicolas, en prezento de Vida Jerman kaj Saša Pilipović.

Pluaj aktivecoj: ĉiumerkrede de la 19-a horo estis renkonto de esperantistoj en ES „Bude Borjan", ĵaŭde porinfanaj laborejoj, semajnfine aŭ kvarfoje semajne senpaga kurso de Esperanto, ekspozicioj en bibliotekoj ktp.

*M. Belošević*

## DENOVE APERAS „VELO"

Jarmeze denove aperis „Velo", organo de Vojvodina Esperanto-Ligo. Bone presita (sed bedaŭrinde kun multaj komposteraroj), 24-paĝa, redaktata de Đorđe Dragojlović, ĝi aboneblas per sendo de 50.- dinaroj al

konto de Esperanto-societo Subotica: 66600-678-4821.

Adreso de la redakcio: „Velo", Magnetna polja 6, 24000 Subotica.

## RENKONTIĜO DE ESPERANTAJ FAMILIOJ

Jam tradicia, la 12-a renkontiĝo de Esperantaj familioj (REF), okazis ĉi-jare, fine de aŭgusto, en la Slovaka Paradizo, en Malaltaj Tatroj. Partoprenis pli ol 10 familioj el Hungario, Jugoslavio, Ĉeĥo-Slovaka Respubliko, Francio, Belgio kaj Italio. La ĉefa celo de la REF-oj, estas kunvivado de denaskaj esperantistoj kaj sperto-interŝanĝo de internaciaj geedzaj paroj. Dum la infanoj bone amuziĝis dum ekskursoj kaj sportaj ludoj, la gepatroj povis interŝanĝi spertojn pri la problemoj en edukado de plurlingvaj infanoj, ilia akceptado far de la socio, pri terminologiaj problemoj, ktp.

Per prelegoj, la partoprenantojn informis pri sia laboro s-ro de Smet kaj s-ro Lukacs. S-ro de Smet gvidis „Krokodiletojn", grupon de infanoj inter 3 kaj 12 jaroj, kiuj per kantoj kaj ludoj lernas Esperanton. S-ro Lukacs estas estro de la fonduso „La talento", kiu financas la projekton de nova pedagogio de s-ro Poldgar, kiu aplikas rapidan kaj intensan lernadon al talentaj infanoj. Kiel preparo por lernado de fremdaj lingvoj, infanoj 7-jaraj lernas Esperanton.

La sekvonta REF okazos en Belgio, en aŭgusto 1991, je tre favoraj kondiĉoj. Gepatroj de denaskaj infanoj informiĝu ĉe Renato Corsetti/Anna Lowenstein, Cole Rosto, I-00039 Zagarolo, Italujo.

*Ankica Jagnjic*



●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●●

## AŬSTRIA ESPERANTO-JUNULARO AKTIVAS SEMAJNFINE

Junaj aŭstriaj esperantistoj invitas nin jam la duan fojon agrable kaj amikece esperantumi. La unua aranĝo estis biciklado laŭborde de Danubo la duan semajnfinon en junio. Internacia kaj amikeca biciklado plene sukcesis.

Kiel vi agrable kaj amikece pasigu la duan semajnfinon en oktobro? Aŭstriaj esperantistoj prizorgos tion – venu al la Montkabana Renkontiĝo. La loko estas Tauplitz-Alpo, troviĝanta en la geografia koro de Aŭstrio kaj datoj estas ekde la 12-a ĝis la 15-a de oktobro 1990. Plena kotizo por gastoj el orientaj landoj se oni aliĝas ĝis la 28-a de septembro estas 150 aŭstriaj ŝilingoj. La prezo inkluzivas loĝejon, 2 varmajn manĝojn kaj trinkaĵojn. Aliĝilon kaj informon kiel atingi la renkontiĝejon petu skribe ĉe KEL.

*Ljiljana Pranjic*

## EN ZAGREB STARIGITA MEMORTABULO

La 12-an de aprilo estis solene inaŭgurita memortabulo okaze de la 80-jariĝo de apero de la unua numero de „Kroata esperantisto", la unua Esperanto-gazeto en Kroatio kaj sur la teritorio de nuna Jugoslavio. La memortabulo troviĝas sur la domo sur Placo de Tomislav n-ro 21, kie troviĝis la unua eldonejo. La tabulon malkovris s-anino Emilija Lapenna. Projekton de la tabulo ellaboris inĝ. Marin Vrus, kiu mem ĉeestis la inaŭguron. Per starigo de ĉi tiu tabulo, Zagreb ricevis la unuan Esperanto-monumenton. Kiel konate, ĝis nun la urbo jam posedas Straton de Zamenhof.

*M. Beloševič*

## KIE NI KONGRESOS SEKVONTJARE?

Zagreba Esperanto-Ligo kandidatiĝis por esti organizanto de la 23-a Jugoslavia Esperanto-Kongreso, kiu, laŭ decido de JEL devus okazi venontjare. Sed la demando pri propono de ZEL restas nesolvita jam kvin monatojn. Dum la lasta kunsido de JEL-prezidantaro, kandidatiĝis ankaŭ Subotica kiel urbo-gastiganto, sed la decido prokrastiĝas ĝis ...

Laŭ propono de ZEL, la kon-gres[illegible]azus en Zagreb inter la 26-a kaj [illegible]a de septembro 1991, kaj kiel [illegible]esejo kaj loĝejoj servus Studenta centro kaj studentaj hejmoj de la urbo. Aliajn informojn ZEL liveros post (esperebla) akcepto de la propono.

*M. Beoševič*

## KOREANO EN JUGOSLAVIO

Nova laborsezono komenciĝas septembre. La esperantistoj sekvas la saman laborritmon, kaj septembro alportas al jugoslaviaj samideanoj viziton el Azio. Por azianoj Eŭropo estas tre vizitinda, des malpli mirigas lastatempaj vizitoj el tiu regiono.

Septembre Jugoslavion vizitos juna esperantisto Choe Tae-Sok el Seŭlo (Koreio). Laŭ anoncita vojaĝplano, li vizitos unue Subotica, poste Banja Luka (12-a ĝis 15-a de septembro), Zagrebon kaj eventuale Đurđevac kaj Varaždin (17-a – 21-a de septembro).

*S. Štimec*

## LIBROJ EL VARAŽDIN

Okaze de la 60-a datreveno de Esperanto-societo Varaždin antaŭ kelkaj jaroj eldonis du libretojn, kiujn ĝi ofertas al eventualaj interesiĝantoj:

„Kavo" (I. G. Kovačić) . . 20,00 din.
„La dianto de sur la poeta tombo" (A. Šenoa) . . . . . . . . 30,00 din.

Mendu ĉe la societo: I. Padovca 3, kaj pagu al ĝirkonto 34800-678-4099.

## FAKA APLIKADO – KIU REALIGAS ĜIN EN KROATIO?

Komence de tiu ĉi jaro, en Zagrebo enfunkciis oficejo de Terminologia Esperanto-Centro de UEA. Ĉefa celo de TEC estas pli alten levi la kvaliton de Esperantaj terminaroj: dokumentigi informojn pri faka verkaro,

informi fakulojn pri saminteresitoj, organizi komisionojn por ellaboro de terminaroj, laŭeble organizi normigan procedon por terminaroj, informiĝi kaj eduki fakulojn pri terminologio, ktp.

Kiel profesia sekretario de TEC, mi ĉiutage laboras en la oficejo, administrante por TEC, preparante TEC-Bultenon, korespondante kun la kunlaborantaj fakuloj kaj simile.

Bedaŭrinde, el Jugoslavio nur kvar membroj aniĝis al TEC, el tiuj du el Kroatio (mi kaj s-ro Marević). Estas mirinde, ke en, laŭdire, forta movado, mankas homoj interesiĝantaj pri aplikado de Esperanto en sia fako.

Kiel membro de KEL-estraro, taskigita pri la faka aplikado, mi per tiu ĉi artikolo alvokas ĉiujn, kiuj iamaniere okupiĝas pri faka aplikado aŭ terminologio, sendi informojn al mi pro eventuala organizo de Faka sekcio de KEL, aŭ simila organizaĵo, kiu povus helpi kaj evoluigi Esperanton en fakaj medioj. Aperte mi petas membrojn de diversaj mondaj kaj internaciaj fakaj organizoj, informi min pri sia aktivado.

Peton al ĉiuj dentistoj, aŭ dentistaj teknikistoj, pere de mi, sendas d-ro Szemok. Jam kelkajn jarojn el Jugoslavio neniu membriĝas al UMEDA – Stomatologia Sekcio. Ĉu tio ne estas hontinda?

*Ankica Jagnjić*

## VALOREGAJ DONACOJ AL ESPERANTA BIBLIOTEKO

Junie ĉi-jare, tre valoran kontribuon al Esperanta biblioteko faris s-ino Lucija Borčić. Ŝi donacis 38 terminarojn, 36 vortarojn, 36 diversajn Kongresajn librojn (UEA, SAT, IFEF, Jugoslavio kaj aliaj), 6 antologiojn el diversaj landoj, 12 diversajn romanojn kaj poemkolektojn, unu skatolon kun gazet-eltranĉaĵoj pri Esperanto, unu skatolon kun Esperantaj afiŝoj, unu skatolon kun Esperantaj turismaj informiloj pri diversaj landoj kaj urboj, kelkajn jarkolektojn de „El Popola Ĉinio", „Esperanto", „Budapeŝta Informilo" kaj aliaj gazetoj. Valorega donaco, speciale pro terminaroj kaj pro gazet-eltranĉaĵoj, ambaŭ pro la historia valoro.

Tiun donacon tuj sekvis donaco de Internacia Kultura Servo: el sia arkivo IKS donacis al la biblioteko ĉ. 300 librojn, ĉefe eldonitajn en lastaj 20 jaroj, do librojn kiuj pleje mankas en la biblioteko de „Bude Borjan".

Ĉiuj libroj estos katalogiitaj, helpe kaj laŭ sistemo de Universitata kaj Nacia Biblioteko el Zagrebo. Kompreneble, ankaŭ kunlabore kun TEC kaj ĝia Bibliografia projekto, kiu baldaŭ estos starigita inter la plej gravaj kaj grandaj Esperantaj bibliotekoj en la mondo. Do, informoj pri niaj libroj estos atingeblaj, ne nur ĉie en Kroatio, sed ĉie en la mondo.

Kompreneble, ne ĉio brilas en la organizado de la biblioteko. De la eta sumo provizita al KEL por la biblioteko, duono jam estas elspezita por aĉeti bretojn. Krom ĝenerala financa apogo, mankas la plej ĉefa afero: ejo por la libroj, ĉar la ejo en Amruševa baldaŭ ne plu estos je dispono al esperantistoj. Estas grava demando kie entute funkcios KEL, kaj pri biblioteko ni eĉ ne parolu. Ekzistas proponoj de privatulo deponi la bibliotekon en sia privata domo,

kune kun aliaj dokumentoj de KEL, sed tio nur parte solvos la problemon. Estas atendataj proponoj kaj sugestoj de ĉiuj.

*Ankica Jagnjić*



## PARDONPETO

*Pro neintenca eraro okazis, ke en la lasta numero de „Tempo" (1/1990) sub pluraj tekstoj ne aperis aŭtornomo de Marija Belošević, membro de la redakcio. Nur sub du artikoloj troviĝis inicialoj M.B., dum ŝi verkis dekon da ili. La redakcio pardonpetas. Plue ni publikigos ĉiun artikolon kun originala subskribo, kaj ne aperigos la subskribon, se tion ne notis la aŭtoro mem.*

# 1990 Kalendaro

### SEPTEMBRO

23.-25.09.1990. „TAGOJ DE TIBOR SEKELJ". Temo: Nekonataj vojoj de kulturo". Ĉefpreleganto: Antonio Olinto (Brazilo). Prezento de nova libro de Tibor Sekelj: „Ĉambro Rafiki". Informoj ĉe: Internacia Kultura Servo, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb.

### OKTOBRO

12.-15.10.1990. MONTKABANA RENKONTIĜO, Tauplitz (Aŭstrio). Pli detale vidu en la rubriko „Utile kaj interese".

19.-21.10.1990. AŬTUNAJ KOLOROJ, Subotica. Informojn vidu aliloke en ĉi tiu numero de „Tempo".

# EN JUGOSLAVIO VIVAS JUGOSLAVIANOJ

El la „Oficialaj informoj de la Akademio de Esperanto N-ro 9 – Listo de normaj landnomoj, dua parto – Dua klaso de landnomoj (homoj-homujo-homlando)" mi citas:

„Tiuj landnomoj estas derivaĵo de landano-nomoj kaj estas diverse formitaj: per sufikse uzataj vortoj (-land, (i)stan), aŭ per sufiksoj (-uj-, -i-). Tiu maniero formi landnomojn „estas dua, akcesora, sekve en okazo de dubo, neniam preferinda" (Boirac 1). La sufikso -uj- servas por elfari nomojn ... de landoj, sed nur kiam oni nomas landon per la nomo de la gento aŭ nacio ĝin loĝanta" (Boirac 1). La sufikso -i- en tiaj okazoj povas anstataŭi la sufikson -uj-, sed principe „nur se tiel ĝi formas internacian nomon" (Cart).

*1-a grupo: -ujo-,-io-:*

En tiu grupo la du sufiksoj estas egale uzeblaj: estas rekomendinde uzi nur unu saman en difinita teksto.

*a.) La -io formo estas sendube internacia:*

Albanujo/Albanio, Arabujo/Arabio, Belgujo/Belgio, Belorusujo/Belorusio, Bulgarujo/Bulgario, Ĉeĥoslovakujo/Ĉeĥoslovakio, Etiopujo/Etiopio Francujo/Francio, Germanujo/Germanio, Grekujo/Grekio, Hispanujo/Hispanio, Hungarujo/Hungario, Jugoslavujo/Jugoslavio ..."

La estimata Akademio de Esperanto instruas al ni novan fakton pri nia lando kaj ĝiaj landoj: ke nia lando estas Jugoslavujo derivanta sian nomon el la gento jugoslava.

Ĝis nun ni vivis en Jugoslavio, kiu ricevis tiun nomon, kiam tiun landon ekformis Slovenoj, Kroatoj, Serboj, Makedonoj, Bosnianoj, Montenegranoj kiel federacian ŝtaton. Ĉar neniam ekzistis „jugoslava gento", ĝi ne povis doni nomon al la lando, do ni ne povas vivi en „Jugoslavujo", ĉar ni ne estas „jugoslavoj". Ni vivas en *Jugoslavio* kiel apartenantoj de la etnoj slovena aŭ serba aŭ kroata ktp. Sekve ni estas slovenoj, serboj, kroatoj, makedonoj kaj kiel ŝtatanoj de *Jugoslavio* ni estas *jugoslavianoj.*

Tian instruon ni heredis de la pioniroj de Esperanto en nia lando, inter ili de d-ro Ivo Lapenna kaj Ivo Rotkvić. Ni do ne misuzu la faktojn alinomante nian lando kaj nian devenon

*L. Borčić*

## LINGVAJ INTERSAĴOJ

Land- kaj geografiaj nomoj en Esperanto restas konstanta problemo. Italaj esperantistoj julie decidis nomi la norditalan regiono FRIULO-JULVENETIO (itale Friuli-Venezia Giulia). Por unuece nomi ĝin, ni diskonigas la decidon ankaŭ al jugoslaviaj esperantistoj, supozeble kunlaborantaj kun grupoj en tiu itala regiono.

Laŭ anonco publikigita en „Esperanto-revuo" n-ro 1013(5) de majo ĉi-jare, Osijek troviĝas en Slovenio. Por ne konfuzigi la eksterlandajn legantojn, necesas mencii du similajn nomojn. SLOVENIO estas norda jugoslavia respubliko kun ĉefurbo Ljubljana. SLAVONIO estas parto de la respubliko Kroatio. La ĉefa administra centro de Slavonio estas Osijek. Do, Osijek troviĝas ne en Slovenio, sed en Kroatio, nome en la regiono Slavonio.

*J. Pleadin*

## MALLONGE

UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO kaj INTERNACIA JUNULARA KONGRESO okazis ĉi-jare en Kubo. Partoprenis malmultaj jugoslavoj, pro kio mankas al ni konvena raporto. Eble sekvontnumere.

63-a KONGRESO DE SAT okazis en Linz (Aŭstrio) inter la 4-a kaj 11-a de aŭgusto kun 292 aliĝintoj el 21 nacioj. Kultura programo: Jerzy Fornal el Varsovio prezentis monodramojn pri la vivo de Mozart kaj pri kvar portretoj de famaj artpentristoj, kiuj reprezentis famajn virinojn. Duontaga ekskurso al koncentrejo el la dua mondmilito. Farita kongresa rezolucio.

61-a ITALA ESPERANTO-KONGRESO okazis aŭguste en Padova.

58-a INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ okazis inter la 29-a de julio kaj 5-a de aŭgusto en Sarajevo. Raporto en la sekva numero de „Tempo".

23-a PUPTEATRA INTERNACIA FESTIVALO okazis en Zagreb inter la 31-a de aŭgusto kaj 5-a de septembro. Raporto en la sekva numero de „Tempo".

******************************************************************

# NI RESTARIGU ESPERANTO-TURISMON

## PROPONO EL OSIJEK

******************************************************************

Esperanto-societo „Liberiga Stelo" estonte organizos pli regulajn vojaĝojn al Esperanto-renkontiĝoj, Esperanto-centroj kaj aliaj lokoj, laŭ via elekto.

Momente facile rimarkeblas, ke niaj jugoslaviaj esperantistoj „nenie troveblas". Nek Oriente nek Okcidente. Ni opinias, ke tiu foresto el Esperantaj okazaĵoj ne estas kaŭzita per monmanko, sed simple mankas konstanta organizanto de tiaj vojaĝoj. Ni volonte aŭdus ankaŭ viajn opiniojn.

Se vi opinias, ke ian utilon el nia laboro povus havi ankaŭ vi, subtenu niajn klopodojn — per bildkarto.

Ni petas vin skribi pri via intereso de tempo al tempo esti nia kunlaboranto: gvidanto de niaj grupoj, ĉiĉerono kaj kunlaboranto en aliaj kampoj. Ni organizos vojaĝojn per aŭtobusoj, mini-busoj kaj simple kontaktigante personojn kiuj deziras kune vojaĝi pertrajne aŭ aŭtomobile.

JAM NUN SENDU VIAN ANTAŬALIĜON por la Universala Kongreso en Norvegio (1991), Novjara festo en Kultura Centro Esperantista en Svislando, festado de Tago de Respubliko (se ĝi ankoraŭ okazos). kun viaj proponoj pri lokoj.

En senpera estonteco ni ofertas al vi pasigi la lastan semajnfinon de oktobro en TRIESTO. Jen bona okazo por kunlabori kun la tre aktiva E-societo en tiu itala urbo. Planita programo estas: sabate — butikumado kaj vespero en la E-societo Triesto, kaj dimanĉe kultura programo. Antaŭvidita loĝigo en junulara gastejo apud la kastelo Miramare. Kompleta prezo (sen manĝo), kiu inkluzivas vojaĝkostojn, tranokton kaj unu matenmanĝon estos ĉirkaŭ 400 - 500 din. Al ĉi tiu kaj aliaj niaj vojaĝoj vi povas inviti ankaŭ viajn amikojn neesperantistoj, sed la programoj de esperantista kaj neesperantista grupoj estos aperte anoncitaj pli detale.

Antaŭaliĝoj ne devigas vin pri io ajn, sed ili estas signalo por ni, ĉu ni organizu vojaĝon al iu aranĝo, kaj kia intereso ekzistas.

INFORMOJ: Esperanto-societo „Liberiga Stelo", pp 27, 54000 Osijek, aŭ inter 9-a kaj 13-a horoj je telefono 054/27-720 (AMD „Slavonac" — Danijela Poropat).

V. Branković

*************************************************************************

## INTERNACIA RENKONTIĜO
## „AŬTUNAJ KOLOROJ"

19-a ĝis 21-a de oktobro 1990, Subotica, Jugoslavio

*************************************************************************

| | |
|---|---|
| Organizanto: | Esperanto-societo Subotica |
| Prezoj: | Aliĝkotizo (pagebla al ĝir-konto de ES Subotica n-ro 66600-678-4821), pagata ĝis la 22-a de septembro – 90,00 din, post tiu dato – 110,00 din kaj surloke – 120,00 din. |
| Loĝado: | Dutaga plena pensiono en dulitaj ĉambroj en hotelo en Palić (enkalkulita solena vespermanĝo) – 95 DEM. Unutaga plena pensiono kun enkalkulita solena vespermanĝo – 60 DEM. |
| Aliĝoj: | ĉe la organizanto: Đorđe Dragojlović, Aleja maršala Tita 3/3-11, 24000 Subotica. |
| PROGRAMO: | Velado surlage, fiŝkaptado, vizito al galerio, muzeo, gustumado de specialaĵoj kaj vino, ekskurso al birdo-rezerveja lago Ludoš, vizito al la kolekto de Tibor Sekelj, ronda tablo „Politikaj ŝanĝoj en orienta Eŭropo: ĉu nova ŝanco por Esperanto?", vizito al ZOO-ĝardeno. Aparta programo rilatas kunlaboron de urboj Poprad (Ĉeĥoslovakio) kaj Subotica (Jugoslavio), kiuj estis naskiĝurbo respektive loĝurbo de nia fama esperantisto Tibor Sekelj. |

LA PREZOJ GARANTIATAJ ĜIS LA 22-a DE SEPTEMBRO 1990.

KUNLABORANTOJ, ĈU EN VIAJ LOKOJ OKAZAS NENIO KIO INTERESUS NIAN LEGANTARON? SKRIBU AŬ INFORMU PERTELEFONE LA ĈEFREDAKTORON: (043) 814-630.

# HUMURO

*En 1981 aperis en Argentino libreto sub titolo „Bonhumoraj piloloj", originale verkita kolekto da homoraĵoj, kies aŭtoro estis Ergoto de Bonaero. Esperanto-klubo „Koko" el Đurđevac reeldonis ĝin en 1988. Kvankam ne temas pri altkvalita literatura verko, ĝi estas speciale bone uzebla por kursoj, ĉar ĝi konsistas el mallongaj, spritaj aventuretoj. La libreto ankoraŭ haveblas ĉe E-klubo „Koko" (prezo nur 10,00 din.)*

## NEĜULINO

La princo uzis bluan veston kiel decas al vera princo. Aŭdinte ploradon meze de arbaro li proksimiĝis por vidi kiu ploras. La ploradon estigis la sep nanetoj, kiuj priploris la strangan dormadon de Neĝulino kiu estis manĝinta iun pomon.

Pridemandite de la princo, la sep nanetoj eksplikis, inter kortuŝaj singultoj, ke jam neniu povas veki la kompatindan knabinon. Li – post kiam li atente rigardis ŝin kaj konstatis ke ŝi estas teege bela – parolis kun reĝa aplombo.

– Mi povas veki ŝin – li diris – ; sufiĉos ke mi kisu ŝiajn lipojn. Kuraĝigite, la sep nanetoj petegis de la princo ke li faru tion. Kaj li deseliĝis de sur la blanka ĉevalo, proksimiĝis al la dormanta knabino, karesis tiun palan kaj belegan vizaĝon, kaj kisis ŝin. Li kisis ŝin. Li kisadis ŝin.

Sed Neĝulino ne vekiĝis, spite la magian kaj longan kisadon de la princo. Iom poste la princo foriris. Konfuzite, sed ne venkite, kaj dirante:

– Ne povas esti. Morgaŭ mi revenos kaj provos denove.

Tiam neĝulino leviĝis el la florlito por iri pretigi la manĝaĵon de la nanetoj.

Kaj la sekvan tagon ŝi denove ŝajnigis sin dormanta ...

## DU SIMILAJ HISTORIETOJ

— Vi.denove venas ĝeni min per tiaj historioj! — grumblis la prezidanto — ŝtatproblemoj, striko de havenlaboristoj, la Orienta afero, kaj vi ĝenas min per tiuj stultaj rakontoj.

— Sed priatentu, via moŝta prezidanto, — diris la ĉefadjutanto — ke tre seriozaj homoj, eĉ scienculoj vidis ke ...

— La seriozaj homoj devus prizorgi pli seriozajn aferojn kaj la scienculoj devus studi pli sciencajn aferojn! Diru al la ministro pri gazetaro kaj propagando ke li kunvenigu la ĵurnalistojn kaj komuniku al ili ke, laŭ niaj esploroj, tiuj NIFOJ (Ne Identigitaj Flug-Objektoj) ne ekzistas, kaj ke temas pri fenomeno produktata de la sun-refrakto sur la tavoloj de varma aero en la stratosfero.

— Sed priatentu, via moŝta prezidanto, ke ...

— Ne plu tedu min per tiaj fantaziaĵoj! Kion vi timas? Ke alvenos bluaj aliplanedanoj, nin konkeros kaj sklavigos? Ne plu parolu al mi pri NIFOJ! For!

* * *

— La rikolto de maizo minacata de sekeco, la diskutado pri limoj kun Tlaksako — grumblis Moktezumo —, kaj vi venas ĝeni min per tiaj historioj!

— Sed priatentu, via moŝta imperiestro, ke multaj kamparanoj de Kacalkojotlo, kiuj estas tre seriozaj homoj, vidis ...

— La seriozaj kamparanoj de Kacalkojotlo farus pli bone se ili dediĉus sin al la serioza kultivado de maizo! Diru al la ĉefsacerdoto pri informado ke li venigu la kurierojn kaj komuniku al ili ke, laŭ niaj esploroj, tiuj strangaj rebriloj sur supozataj kirasoj el ekster-amerika materialo, estas produktataj de la sunrefrakto sur la enirejo de niaj orminoj.

— Sed priatentu, via moŝta imperiestro!

— Ne plu tedu min per tiaj fantaziaĵoj! Kion vi timas? Ke alvenos el-transmaraj blankhaŭtuloj, nin konkeros kaj sklavigos? Ne plu parolu al mi pri strangaj rebriloj! For!

*Alvenis aŭtuno, kaj jen iom da ĝia etoso enportu en viajn domojn kaj korojn, delonge verkita poemo, kiun mi opinias unu el la plej belaj poemoj verkitaj en Esperanto.*

*La redaktoro*

Nikolao Kurzens:

## AŬTUNA ELEGIO

Hieraŭ pluvis, kaj hodiaŭ pluvas
kaj morgaŭ same, lace glitos gutoj;
kaj same, lace iros la minutoj
de mia viv', sencela kaj enua.

Ja ĉiu tag' forlavas rabe ion!
Ja ĉiu nokto portas ion for!
Ja de l' pasinto restas nur memor'!
Ja por l' estonto havas mi nenion!
Ne fendas plu ĉielon fulma glavo,
ne tremas tondre plu la firmamento.
Ĉe la anguloj ploras ftiza vento,
kaj pluvas, pluvas, pluvas — tag' post tago.

Kaj ĉiu tag' forlavas rabe ion,
kaj ĉiu nokto portas ion for;
kaj de l' pasinto restas nur memor'
kaj por l' estonto — havas mi nenion ...

*KURZENS NIKOLAO (1910-1959). Latvo; ŝtaoficisto. Redaktoro de „Ondo de Daŭgava" (1932-34). Kunlaborinto de „Literatura mondo" kaj „Norda literaturo". Multe tradukis el la latva prozo kaj poezio. Poemoj en „Dekdu poetoj" (1934). Verko: „Mia spektro" (originalaj poemoj, 1938).*

## JUGOSLAVIAJ AKTIVULOJ !

Scio de Esperanto neniom valoras sen ĝia uzo. Unu el la ideoj naskiĝintaj inter KEL-membraro estas ankaŭ la ideo lanĉi kampanjon por arigi ĉiujn, kiuj volas labori por Esperanto, ĉu hobie ĉu honorarie, por eluzi siajn scion kaj kapablojn. La redakcio de „Tempo" intencas aperigi liston de tiaj personoj, aŭ eĉ apartan adresareton, kiun povus uzi la tuta movado. Aliĝo al tiu iniciato estas ebla por ĉiuj jugoslaviaj samideanoj (do ne ekskluzive al la kroatiaj), kaj intencas fari reton da konstante kunlaborantaj samideanoj. Ĝi funkcius simile kiel la reto de UEA-delegitoj, sed aliĝo estas libera, sen kroma pago de aliĝkotizo. Sufiĉas nur plenigi ĉi-suban aliĝilon.

Kian utilon ĝi havus por Esperanto en nia lando, ne estas necese akcenti. Tradukantoj, turismaj gvidantoj, verkistoj, eksterlandaj gastoj kaj vi mem precize scios kiu aktivas en kiu loko, kiel plej oportune kontakti kun li/ŝi, kaj en kiu kampo kunlabori. Ni provu, ĉar ja multaj el ni volas labori, sed la ekzistantaj asocio, kluboj kaj organizaĵoj nenion faras por eluzi tiun grandan potencialon.

Viajn aliĝojn atendas la redakcio de „Tempo". La aliĝilojn sendu rekte al la ĉefredaktoro: Josip Pleadin, B. Markača 1, 43350 Đurđevac.


- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

## A L I Ĝ I L O
### al reto de jugoslaviaj E-aktivuloj

Nomo kaj familia nomo ..........................................................................

Strato ........................................................ Urbo ..........................................

Poŝtkodo ............................... Telefono ........................ Aĝo ..........................

Scio de Esperanto: A — komencanta, B — bona, C — tre bona

Scio de aliaj lingvoj .............................................................................

Interesoj: ...............................................................................................

Gastigado: JES / NE

En kazo de pozitiva respondo pri gastigado, kontakton nepre faru:

a) telefone
b) letere
c) alveno eblas sen antaŭa anonco

NOTOJ: (ĉi tie notu ĉion kion vi volas, pri ofertata komforto al viaj gastoj, pri turisma gvidado, pri loĝigo ĉe aliaj samurbaj esperantistoj, pri kunvenoj de viaj societoj, ktp.)